# Regione

DELEGITRETA ORGANO BR/UEA
JARO 5 N-ro 8 2-a Semestro/1999

REGIONAJ DELEGITOJ
**AMAZONIA**:Pekim Vaz
**NORDORIENTA**:Paulo Amori, Cardoso
**CENTROKCIDENTA**:H.A.K.MENDONÇA
**ORIENTA**.L.A.de OLIVEIRA COELHO
**SUDA**.Gloria Lucia Perine
**AM**
Amazonas-Roraima-Amapá-Pará-Maranhão-Acre-Rondônia.
NO
Piauí-Ceará-Rio Grande do Norte-Paraíba-
CO
Tocantins-Distrito Federal-Goiás-Mato Grosso,Mato Grosso do Sul.
OR
Minas Gerais,Espírito Santo,Rio de Janeiro.
**SU**
São Paulo,Paraná,Santa Catarina, Rio Grande do Sul.
ĈEFDELEGITO
Symilde Schenk Ledon
Redaktejo:
Caixa Postal 269
Campos do Jordão, SP
BR-12460-000



*AL LA DELEGITARO*

Nia Organo/Niaj Sekcioj

Ĉar organo estas apartenaĵo ĝenerala, mi deziras specifc klarigi pri kio ĝi temas : Ekzakte (kaj skize)jenaj subtitoloj entenas la enhavon:

AL LA LEGANTARO
FAKE
LETERKESTO
MESAĜOJ
OPINIOJ
BIOGRAFIE
RAKONTE
RAPORTOJ
ŜANĜOJ
VERKADO

Tio ne signifas ke ĉiufoje (sesmonate) ĉiuj eroj aperu: Tamen; kio gravas estas ke *"REGIONE"* ne estu esprimo de unu nura homo; (intertempe la CD, sed ja la esprimilo de vi ĉiuj. Dum la periodo mi kolektis la diversajn specifajn erojn, kiuj koncernas la Delegitaron. Sed, kiel vi jam povis konstati, estus ideale se ĉiuj vi kunlaborus rekte sendante materialo. Babilu, opiniu, informu, sugestu, ĉizelu, kontraŭdiru, kreu), ĉefe verku pri viaj specifaj fakoj. Imagu, kiom granda estas la kampo! Kaj poste kio plej deairindus, estas kontakti alilandajn delegitretanojn, pere de la landa Ĉefdelegito.

*"REGIONE"* jam atingas ĉiujn ĈD-ojn, sed ĉu ankaŭ ĉiujn delegitojn enlande? Tio estus tasko loka, duaetape. Ĉu temas pri elspezo aŭ temas pri malinteresiĝo? Kial oni ne aŭdas, legas plu pri nia tutmonda Reto? Jen, tikla demando.

(De la Vic-Preaidanto de UEA mi ricevis jenan mesaĝon:

*"Multajn dankojn pro la ekzemplero de REGIONE, kiun vi bonvolis sendi al mi. Nur nun mi sukcesis tralegi ĝin, kaj mi kaptas la okazon por gratuli vin pro ĝi. Eble ĝia apero iel stimulos aliajn ĉefdelegitojn agi simile. Multajn salutojn,*

*Renato Corsetti*

*ANONCETOJ*

87-a UK-2002 FORTALEZA, CE
Urba Delegito en Fortaleza, Wandemberg Ribeiro Moraes, estas Prezidanto de Loka Organiza Komitato.
Kontaktu BEL kaj LOK por eventuala kunlaborado pretiga. Amase BR-DR sin anoncu por prizorgaj taskoj kaj diskonigu vastskale la eventon, organizu karavanojn por partoprenado. Donu sugestojn, stimulu kaj varbu favore al la 87-a UK-Fortalewa, jaro 2002.
Post multjaraj klopodoj BR sukcesis la realigon. Gratulon al ĉiuj, kiuj fide subtenis la planadon, dankegon al la apogo ricevita, en-kaj-eksterlande.Neforgeseblaj momentoj, antaŭ kaj post la viwito de la Ĝenerala Direktoro de CO-UEA, Osmo Buller, kiu simpatie kaj pacience partoprenis la streĉan programon en Fortaleza kaj Campo Grande, julie/99. En Berlino,pere de la Ĝenerala Sekretario Michela Lipari, estis anoncita la elekto kaj pompe apalaŭdita. Dum UK-Tel-Aviv jam prezentiĝos publike turisma videokasedo kaj ĝeneralaj informoj.
(*Kulise, ni sprite kaj delegitrete prisciu kelkajn vervajn cirkonstancojn de la naskiĝdetaloj planadaj: la* ***Patro*** *de la ideo propono, en foraj jaroj, cele al tiu realigo por* *__jaro 2001 - Brasília,__* *estis Chico Mattos, tiama Prezidanto de BEL, jaro kaj loko ne akceptita de UEA, tiam. La tasko-pledanto ambasadora* ***Bapto-Patrino*** *de la projekto, estis Symilde (ĝis la fino) kaj la sprona, kuraĝa proponanto por Fortaleza estis la* ***Batmano*** *Wandemberg.Kontraŭ ĉiuj huraganaj tempestoj de dosieroj, kompromisoj senfinaj, fulmaj pretigoj, neantaŭviditaj vojaĝoj, elspezoj fenomenaj, hastoj, angoro senlima en Berlino, ĝis la fina solenaĵo, ni ĉiuj povas aserti ke valoris la peno!*).
***VIVU UK-2002!***

*35-a BKE / PETRÓPOLIS, RJ*

DELEGITARO
Ne forgesu ĉeesti la Kunsidon de BR-DELEGITARO DE UEA dum nia BKE en Petrópolis, RJ. Aliĝu kaj partoprenu!

GRATULON
Specialan gratulon al nia kara Delegito de São Gonçalo, RJ José Pedro Milagres,kiu afable decidis reveni al la Reto, post forta kaj energia pledado de la ĈD. Ankoraŭ ekzistas *miraklo...*

***FAKE***

KIEL ARIGI DELEGITOJN?

Ne nur ĈD aŭ RD aŭ urba D respondecas pri arigo de delelgitoj. Ĉiu delegito, do ankaŭ FAKA aŭ JD kiu kontaktas esperantiston, jam uzanto de la lingvo Esperanto, informas, aludas,klarigas,konvinkas pri eniro al DR,kiu estas tutmonda reto de servoj,PERE DE UEA, (tio implicas membriĝon al ĝi!) ankaŭ PERE de BEL (samtempe membriĝo de la landa organizaĵo!). Ni konsideru nian RONDON kiel ĉeno:esperantistiĝi,partopreni kaj mem disvastigiĝi(fariĝi disvastiganto).Ne necese aktivulo kompromisa sed praktikanta ekzistanto de la Esperanto-afero. (Sen detaligoj de raŭmisma,finvenkisma,civitaneca, ktp.-aspektoj.)

***PRIPENSINDAĴOJ***

-Kiel solvi, *por la bono de Esperanto*,ke eminentaj agantoj esperantistaj eniru,reeniru la DR-on? Eblaj rifuzmotivoj:ne membriĝo pro manko de mono,pro personaj kialoj,ktp. Ĉu ni serioze frontas nian Movadon?Ĉu oni emas forgesi ke la celo estas unu nura kaj la vojoj tiom diversaj? Ĉu "diverseco en unueco" aŭ "unueco en diverseco"?

KUNLABORU KUN *REGIONE* por ke ĝi fariĝu NIA BULTENO.

*MESAĜOJ*

-Kvindeko da ĈD-oj kiuj ekde 2000 ricevas "*REGIONE*" estas petataj reagi, ĉu favore, ĉu malfavore.

-FORPASIS: FD de Rio de Janeiro, RJ
FLÁVIO DE SOUZA PEREIRA
(Fako: Instruado de Zagreba Metodo. Li enkondukis ĝin en Rio de Janeiro).

-EKSIĜIS: Antonio de Souza Barcelos, FD pri industria kalkulado kaj spiritismo. Volta Redonda, RJ. Ni dankas la kontribuadon al DR.

-JUNULARDELEGITOJ
En BR entute 8.
Urboj:Aracruz, SE-Araxá,MG-Juiz de Fora, MG-Paulínia,SP- Presidente Prudente, SP-São José do Rio Preto, SP-Rio de Janeiro, RJ-São Paulo, SP.
RIMARKO: En ĉiu urbo kun D-oj bv. klopodi por arigi JD-on, eĉ subvencie, se eble. Nia movado dependas de la junularo!

-En decembro gastiĝis brita samideano ĉe D en Petrópolis Luis Carlos Schanuel.
-Pro misaj cirkonstancoj eksiĝinto FD Manoel Fernandes Silva Sobrinho,RJ-RJ aperis en Jarlibroj-UEA 98 kaj 99,kvankam koncerna peto estis farita en 97! Certe lia nomo ĉi-foje forestos en JL-2000. Ni pardonpetas.

GRAVA VIZITO
-En aprilo-2000 vizitos la ĉefajn monumentojn en BR,la nepo de Zamenhof,D-ro L. Zaleski-Zamenhof. Probablaj urboj: Curitiba, São Paulo,Brasília,Salvador,Recife,Fortaleza, Rio de Janeiro,Juiz de Fora, k.a.Brazilo estas la lando en la tuta mondo,kie ekzistas absolute la plej grandnombre Zamenhof /Esperanto - objektoj (stratoj, placoj, avenuoj,monumentoj), entute pli ol 160.

-La BR-ĈD,Symilde Schenk Ledon,reenposteniĝis kiel Prezidanto de Esperanto - Asocio de San-Paŭlo por la periodo 2000-2001.

REGIONOJ KUN DELEGITOJ

De nia Delegito José Roque Sturza estas plendo de ne apero de sia urbo SANTIAGO sur la paĝo BR-mapo de UEA-Jarlibro. Ĝi tamen aperos sur la venonta JL-2000 kun jenaj kromaj urboj:
SUDO: Atibaia, Bebedouro (SP).
ORIENTO: Formiga, Prata, Patrocínio (MG).

## AktivAmeriko

Grava kaj bonega informilo pri Amerika Agado, redakte de nia Delegito James R. Piton, n-ro 3/Dec.99. Ene de ĝi estas aparta mesaĝo, kiun ni kopias por via eventuala sciigo kaj interesiĝo. Subtenu kaj partoprenu AA.

*"Estas multaj landoj en Ameriko, kies E-Movadoj bezonas nian subtenon. Vi trovos en la ĉi-kuna numero de **AktivAmeriko** informojn pri pluraj agadoj. En unu kaze vi povas subteni **UEA - Fondaĵon Amerikon** per tiucela livervola donaco (tra via UEA-konto) aŭ pere de nia landa asocio, Brazila E-Ligo. Retpoŝte: **uea@inter.nl.net***
*Ju pli forta Esperanto-movado en nia kontinento, des pli bone por la brazila kaj la tutmonda E-movado!"*

*"**Feliĉan Datrevenon!***
*En la nova jaro ni festos la 500-jariĝon de nia lando, Brazilo. Kvankam multaj indiĝenoj plorinde ekstermiĝis dem la koloniigado kaj multaj sklavoj pereis, perforte forprenitaj de sia naskolando, Brazilo ne ekzistis antaŭe.Kaj ĝi ne ekzistis antaŭe. Kaj ĝi ne estus ĉi-tiea ,se ĝi ne reaultus kiel unika kombinaĵo, kun egalproporcia kontribuo de ĉiu el tri grandaj etno-grupoj.Ĉu ne el ĉio-ĉi fontas, ke en Brazilo troviĝas ankaŭ unu el la plej viglalandaj E-movadoj? Ĉu nia brazila socio ne estas iuspeca Esperanto, kiu tolereme akceptis kaj plu akceptas ĉiujn etnojn?*

*Ankoraŭ estas tiom da gravaj sociaj problemoj kaj plu regas malegaleco, malsato, mizero, medidetruo. Ke dum nia festo, ni ĉiuj memoru, pri la problemoj. Ni pensu je tio, ke nia lando estas infano, kiu havis malfavoran ekpaŝadon kaj apenaŭ povas marŝi,kaj tamen meritas nian aktivan flegadon,ĉar ĝi estas resanigebla kazo. Ĝi nepre estu!*
*Feliĉan kvincentjariĝon! Ke en la nova jaro,Esperanto estu por vi pli kaj pli ĝuinda! Pacon kaj feliĉon al vi kaj al via familio!*
(Komisionano de AA, James R.Piton)

**OPINIOJ**

Kial kaj kiel apogi siajn organizaĵojn fide?

-Nur kritiki sen fundamenta kreo-intenco ne estas valida.

-La kritiko celas plibonigon. La negativa kritiko, nur por detrui, estas senvalora. Kiam oni kritikas oni levu ion, apoge, neniam detrue.

-Kiam oni indikas mankon, oni donu la solvon. Prefere fermi unu okulon ol la du samtempe.

-Demandu vian organizaĵon (klubo,grupo, asocio) kion vi povas fari por ĝi. Opiniu agante. Ne estu la tupova, ununura pravulo. Konstatu se fakte via opinio havas plimultan apogon.

-Reformi por reformi,neniam kreas solidan fundamenton. Pli bone agi sur firma grundo cele al pozitiva rezulto, ol decidi pri rezulto sen baza fundamento.

BR-TELEFONKODOJ

Lasthore, finpretige de notitaĵoj por UEA-JL/2000-Raporto, prezentiĝis la dubo/decido kiel fronti la novan telefonkodaron en-enlande.BR-ĈD opinias netuŝenda la enlandankodaron, pro tio ke ni manipulas ĝin interne de ni.Tamen sur paĝo"Telefonado" de la JL "El la lando" - "Al la lando" :

00 21 55

FD James Piton, kompetente kaj klere opinias ke la rubriko utilas ĝuste por neenlandanoj vizitantaj la landon.Kiam oni estas sola eksterlande,oni konsultas la instrukciojn por loka telefonado.

*PERSONECOJ*

KIU ESTAS KIU en la DELEGITA RETO

-*JULIO CALEGARI*
JD kaj FD en urbo São Paulo, SP ekde 2000, esperantistiĝis kun D-Francisca Martos (estrarano de EASP), profesie aerentreno-laboristo ĉe flughaveo Guarulhos, SP. Fakoj:Flughaveno/Flugvojaĝo, Sporto: Tchoukball (Ĉukpilko), Muziko Subgrunda (Basgitarusto ĉe du bandoj).
Li partoprenis la ĉeftemkonkurson de lasta BKE, en Campo Grande,branĉo SPORTO per "Ĉu Hermann Brandt parolis Esperanton?"(Priteme aperinta artikolo en "Kontakto" n-ro 172, 1999:4).
-*LUIZ CLAUDIO OLIVEIRA*
VD kaj FD en urbo Uberlândia,MG ekde 2000. Civila inĝeniero,Meĥanika Inĝenierarta Magistro.Fakoj:Inĝenierarto:solida meĥaniko:numeriko-eksperimenta analizo.Lingvoj: portugala,angla,franca(praktika uzado angla kaj franca:internacia oficiala rekonataj ekzamenoj). Spiritismo(praktikanto kaj movadano ene de).
UNUAJ KONTAKTOJ:*"Mi ekkonis pri Esperanto en knabeco, kredeble unue el televidila vivanta desegnaĵo* -La Ĵetsonoj-*(t. e.La Ĵet(aparat)idoj";angle"The Jetsons"). Elmemorigante, en iu programo, la filino de la familio Ĵetsono mencias, ke ŝi iros al klaso de Esperanto. Mi tiam tre ŝatis sciencfikciajn filmojn kaj librojn. Aliflanke, mi havis multe da kontakto kun ĝenerala kulturo (klasika kaj moderna) pri preskaŭ ĉiuj aferoj pere de diversaj enciklopedioj, kiujn mia patro zorge kolektis hejme (temaj, artaj, geografiaj). Eble ĉiam ŝatis studi lingvojn, kaj frue mi vidis reklamon kaj aĉetis manlibron de Lições", de "Divulgação Brasileira de Cursos", Brazila Disvastigo de Kursoj, São Paulo, eldonejo Saeta. Verŝajne mi tiam estis 15 aŭ 16 jaraĝa (mi komencis daŭrigantan anglalingvan kurson kiam*

*mi aĝis 14, kaj francan kiam 16)."*

BAZA DISVOLVIĜO: *"Unuaj daŭrigan taj studoj de la lingvo en klaso ĉirkaŭ 1980, en esperanto-kurso de spiritisma centro; unua aliĝo al BEL kaj UEA ĉirkaŭ 1981 (dokumentaro estas nun perd ita);multaj baznivelaj revidoj de la lingvo ekde 1983."*

*NUNECO: "Revena realiĝo am BEL kaj UEA en 1996: Pli profunda studo pri la lingvo ekde 1996,celante pli bonan komprenon de ĝeneralaj kaj movadaj revuoj kaj ĉiutagaj aŭ komunuzaj esprimoj; komenco de aktivecoj por la disvastigo de Esperanto ene kaj pere de asocio en 97 post aliĝo al la loka klubo, Uberlândia Esperanto-Klubo (UEK); instruanto por bazaj komencantaj kaj bazaj daŭrigantaj kursoj ekde 1998 (kelkaj 20 finiĝantaj lernantoj entute);unua partopreno en esperantlingva kuniĝo en sept/98,en la 20-a E-Renkontiĝo de Ŝtato San-Paŭlo; poste 21-a E-Renkontiĝo de Ŝtato San-Paŭlo, aprilo/99, 35-a BKE, julio/99;Estrarano de Uberlândia Esperanto-Klubo, kiel Ĝenerala Direktoro (antaŭe Provizora Sekretario; Organizanto kaj Kontribuanto de la bulteno Nova Sento (oficiala organo de UEK).*

***RAPORTOJ***

D- MANOEL BORGES DOS SANTOS: "Por via kono,mi informas miajn aktivecojn dum la lasta trimestro. Mi havas du faktojn por raporti... La unua temas pri prelego kiun mi faris kiel reprezentanto de Muritiba ĉe la ALER - Academia de Letras do Recôncavo - kiu efektivigis festan kunvenon kun pqrtnerado de la Urbodomo kaj la Liona Klubo de Muritiba,je la 29-a Aŭgusto/1999. La temo de la prelego estis LA NOVA REALISMO de Bruno Vogelmann - La Esperanta Revuo MONATO kaj la libro de la aŭtoro - LA NOVA REALISMO, akirita dum la lasta Brazila Kongreso de Esperanto. Ili admiris kaj fariĝis

scivolemaj pri nia lingvo. Por respondi al ilia scivolemo mi faris demonstracion, je la 21-a/10 en la najbara urbo Santo Antônio de Jesus, dum Librofoiro. La dua okazaĵo estis la 18-a/10, dum la vizito de la Guberniestro kaj lia edzino: João Bosco kaj Cal Fátima. La kunveno estis tre agrabla kaj okazis en tre afabla medio, kie oni ekzaltis la fratan kunvivadon inter la homoj."

I - REGIONOJ

a) ĈD raportas pri la landa DR ĝis 31/1 de la nova jaro al UEA.
ĈD nepre devas ricevi de la RD sian regionan raporton ĝis 31/12 de la finiĝanta jaro. DR individue strebu kunlabori tiucele per rekta raporto al sia RD ĝustatempe por ke tiu ĉi en la antaŭvidita limtempo atingu raporte la ĈD-on.
(Neniu tasko estas facila, bv. kunlabori sence al tio, ke la Reto estu efika, sprona, seroza. Ne temas nur pri persona efikeco,temas ja pri globa rezulto.)
b)Vi povas sendi la respondilon(kiam temas pri ŝanĝo de posteno aŭ nova delegitiĝo, al via RD aŭ rekte al la ĈD, sed ĉar laŭnorme estas ĉi lasta kiu aprobas dorsflanke de la respondilo la respektivan delegitiĝon,ne sendu rekte al CO-UEA. (Tio nur okazas kiam ne ekzistas ĈD en la lando.) La RD kaj la ĈD informas inter si pri la koncernaj okazintaĵoj.
(Kompreneble kiu fine akceptas aŭ rifuzas delegitiĝon estas la Direktoro de CO/UEA.)
Simplaj reguloj por efika rezulto.

ENKETO DE REGIONA DELEGITO
(Oriento) Luiz Alberto de O. Coelho
01- Ĉu vi ricevis leterojn lige al vi delegita ofico?... Kiom?...
02- Ĉu eksterlandanoj vizitis vin?...Kiom?.. Ĉu ankaŭ aliurbaj brazilanoj?... Kiom?...
03- Ĉu vi uzis la Delegitan Reton?... Kiomfoje?... Ĉu vizite?... Ĉu koresponde?...
04.Ĉu vi verkis / publikigis gazet-artikolojn?... Kiom?...
05. Ĉu oni intervjuis vin?... Kiomfoje?... Ĉu gazete?... Ĉu radie?... Ĉu televide?...

06- Kiom da E-Renkontiĝoj aŭ similajn e
tojn vi partoprenis?... Internaciajn?...
Naciajn... Regionajn?...
07- Kiujn E-gazetojn vi kutime legis/abo
nis?...
Se vi volas raporti ankaŭ pri aliaj aferoj, (kursoj, prelegoj, eldonoj, ktp. ne hezitu!)
STATISKE respondis ± 50% kaj ankoraŭ survojas kelkaj. Jen:
6 Delegitoj ricevis 23 konsultleterojn.
10 Delegitoj akceptis hejme 21 alilandajn vizitantojn. 12 Delegitoj akceptis heje 37 aliurbanojn.
13 Delegitoj konsultis kolegojn per 7 vizi toj kaj 25 korespondaĵoj.
18 Delegitoj verkis 97 artikolojn. Ĉi-jare ĉampionas Fernando J.G.Marinho 37-foje, due la veterana José Rabello de Paula: 11 kaj trie Alberto L.?inardi Chueiri: 6. Inter vjuiĝis por ĵurnalo: 5, por radio: 10, por televido: 3 (José Passini kaj Wâner Marliè re Arruda eĉ dufoje.
8 Delegitoj partoprenis la brazilan kongre son; 23 ĉeestis 44 regionajn renkontiĝojn

Pri legado de E-gazetoj: 33 abonis al "Es peranto", 27 al Brazila Esperantisto, 19 al "Juna Amiko", 13 al "El Popola Ĉinio" kaj po 12 al "Kontakto" kaj "AERĴ" -bultenoj, 10 al LA LAMPIRO,6 al "Monato" kaj 24 aliaj periodaĵoj.
Averaĝe oni abonis 3 gazetojn.
15 Delegitoj gvidis 25 kursojn.
Delegito Wâner Marlière Arruda sukcesis pri enkonduko de Esperanto en urbaj Lern ejoj de Ubá, MG kaj sesan fojon motoris imponan Ago-Tagon tie.
Delegito Alberto Flores plej multe prelegis: 5 fojojn, realigis 49 15-minutajn radi oprogramojn en Rádio Cidadania, 102,5 FM. Krome li ĉefreorganizis regionan E-Renkontiĝon Sudparaibavan, en Volta Re donda, RJ kaj gvidis 3 kursojn.
Delegito Luiz Minardi Chueiri, Belo Hori zonte, MG de Disvastiga E-Grupo, raportis interalie,pri sukcesa semajna televidpro gramo pri E-o ĉe Kanalo 23 plus rekono de DEG-diplomo ĉe MG-Eduksekretariejo.



Além Paraíba, MG
Alto Paraíso de Goiás, GO
Anápolis,GO
Aquidauana, MS
Aracaju, SE
Aracruz, ES
Araraquara, SP
Araxá, MG
Atibaia, SP
Barra Mansa, RJ
Balneário Camboriu, SC
Bauru, SP
Bebedouro, SP
Belém, PA
Belo Horizonte, MG
Brasília, DF
Caçapava, SP
Campina Grande, PB
Campinas, SP
Campo Grande, MS
Campos do Jordão, SP
Campos dos Goitacazes, RJ
Candeias, BA
Caraguatatuba, SP
Caruaru, PE
Cascavel, PR
Castro, SC
Catalão, GO
Chapecó, SC
Cuiabá, MT
Curitiba, PR
Divinópolis, MG
Duque de Caxias, RJ
Florianópolis, SC
Formiga, MG
Fortaleza, CE
Gama, DF
Goiânia, GO
Governador Valadares, MG
Guaratinguetá, SP
Guarulhos, SP
Ilhéus, BA
Ipatinga, MG
Itabuna, BA
João Pessoa, PB

UEA - BR

Joinville, SC
Juazeiro do Norte, CE
Juiz de Fora, MG
Jundiaí, SP
Laauro de Freitas, BA
Londrina, PR
Lorena, SP
Maceió, AL
Mauá, SP
Moji das Cruzes, SP
Montes Claros, SP
Muuritiba, BA
Natal, RN
Niterói, RJ
Nova Iguaçu, RJ
Olinda, PE
Paraíba do Sul, RJ
Paulínia, SP
Petrópolis, RJ
Pindamonhagaba, SP
Pocinhos, PB
Porto Alegre, RS
Prata, MG
Presidente Prudente, SP
Promissão, SP
Recife, PE
Resende, RJ
Ribeirão Preto, SP
Rio Branco, AC
Rio Casca, MG
Rio de Janeiro, RJ
Rio Grande, RS
Salvador, BA
Santa Albertina, SP
Santiago, RS
Santo André, SP
Santos, SP
São Bernardo do Campo, SP
São Gonçalo, RJ
São José do Rio Preto, SP
São Paulo, SP
São Sebastião do Caí, RS
Sorocaba, SP
Taubaté, SP
Teresina, PI

Teresópolis, RJ
Três Rios, RJ
Ubá, MG
Uberlândia, MG
Varginha, MG
Viçosa do Ceará, CE
Vitória, ES
Volta Redonda, RJ

ACRE - AC
ALAGOAS - AL
BAHIA - BA
CE - CEARÁ
DISTRITO FEDERAL - DF
ESPÍRITO SANTO - ES
GOIÁS- GO
MINAS GERAIS MG
MATO GROSSO DO SUL - MS
MATO GROSSO - MT
PARÁ - PA
PARAÍBA - PB
PERNAMBUCO - PE
PIAUÍ - PI
PARANÁ - PR
RIO GRANDE DO SUL - RS
RIO GRANDE DO NORTE- RN
SANTA CATARINA - SC
SERGIPE - SE
SÃO PAULO - SP

99 urboj

21 provincoj

5 DR - REGIONOJ

5 Regionaj Delegitoj

DR-UEA-BR

*NOVAJ DELEGITOJ*

AMANDA OLIVEIRA RIBEIRO
Rio de Janeiro, RJ
ARIEDNE DAVI
Bebedouro, SP
CARLOS ALBERTO DOS SANTOS
Araraquara, SP
CARLOS CAIXETA BORGES
Patrocínio, MG
JOAQUIM CABRAL NETTO
Belo Horizonte, MG
JOSÉ CARLOS DORINI RAMOS
Brasília, DF
JOSÉ DOS SANTOS SIMAS
Bauru, SP
JÚLIO CALEGARI
São Paulo, SP
LOURDES APPARECIDA RIBEIRO ULHÔA
Ribeirão Preto, SP
LUIZ ANTÔNIO PEREIRA DE OLIVEIRA
Uberlândia, MG
LUIZ CLÁUDIO OLIVEIRA
Uberlândia,MG
MARCO ANTONIO DAVIS PEDROSA
Rio de Janeiro, RJ
MARIA ALVES BARBOSA DOS SANTOS
Nova Iguau, RJ
NILZA MORAES RASZL
Bebedouro, SP
NORMA MENDONÇA PASSINI
Juiz de Fora, MG
ORLANDO JOSÉ LOPES JR.
Juiz de Fora, MG
PATRÍCIA GRECHI
Formiga, MG
PAULO SÉRGIO CARVALHO DIAS
Prata, MG
ROGÉRIO FERREIRA
São Paulo, SP
SIMONE VILLAS FERREIRA
Juiz de Fora,MG
WALMIR REGO, Niterói, RJ
WALKIRIA V. L. RUBIO
São Paulo, SP

*RAKONTE*

KIEL OKAZAS LA KUNVENOJ DE
DR KAJ ĈD DUM UK-oj

Temas pri du apartaj kunsidoj. En la unua
de DR,estas ĝenerala publiko delegita. .La
Direktoro de CO skizas raporte resumon
pri DR kaj tuj sin disponas, helpe de unu/
du ĉu estrarano, ĉu oficisto de CO ĉeestan
te, al demndoj ĝeneralaj. Reduktita nom
bro de demandantoj prezentiĝas, kelfoje
personaj demandoj aŭ pli specifaj komen
toj. La ĉambro ĉiam estas plenplena.
En la dua kunsido de ĈD-oj la ĉambro tri
one pleniĝas kaj konstateblas ke preskaŭ
ĉiaj la samaj ĈD-oj (plej novaj), manifes
tiĝas. Dependas ankaŭ de temperamentaj
ecoj, ekzemple ĈD ĵusa, tre pozitiva, sen
halte prioritatas. ĈD veterana pripensas
antaŭ paroli kaj ofte konkludas ke pli va
loras silenti aŭ, male, energie protesti...
Pli konkretopinie,la impreso estas ke cer
ta malinteresiĝo regas, kaj estus pli idea
le ke ambaŭ sesioj, precipe ĉo-lasta,havu
pli intensivan karakteron,preskaŭ pli "ofi
cialan" traktadon, sence al "laborkunsido"
pri devoj, respondecoj kaj decidoj.
Ni povas konkludi ke ne tmas pri malin
teresiĝo ambaŭflanke, sed ja pri ia volont
ula senco de partopreno, kiu firmiĝis las
tajn jarojn kaj bezonus seriozan restruktu
riĝon aktivigsence.
(ĈU OFICIALA ORGANO-UEA/
DELEGITRETA?)...
ĈD en LANDOJ:Argentino,Aŭstralio,Aŭ
trio,Belgio,Brazilo,Britio,Bulgario,Ĉeĥio
Ĉinio,Danio,Estonio,Finnlando,Francio,
Germanio,Hispanio,Hungario, Irlando, Is
lando,Israelo,Italio, Japanio,Iugoslavio,
Kanado, Kolombio, Korea Respubliko,
Kroatio,Kubo,Latvio,Letonio,Nederlando
Norvegio,Nov-Zelando,Pollando,Portuga
lio,Rumanio,Rusio,Slovakio, Slovenio,
Sud-Afriko,Svedio,Svislando,Togolando,
Ukrainio,Urugvajo,Usono,Venezuelo.

***PROTOKOLO***

La Esperanto-Renkontiĝoj de Sudparaiba Valo, famiĝis kiel la plej oftaj. Ili okazas proksimume ĉiun trian monaton, alterne en ŝtato Rio de Janeiro kaj São Paulo, laŭlonge (pli malpli) de rivero Paraíba do Sul. Ili estas neformalaj, etosaj kunestoj dum tuta dimanĉo; matene prelegoj,kurso por komencantoj kaj posttagmeze distraj programeroj kiel artaĵoj kaj spritaj eroj. Ni transkribos la lastan Protokolon de la jam 38-a Esper Renkontiĝo de Sudparaiba Valo, de longe ellaborita de nia Delegito de Lorena, SP Milton Serra, kiu pacience kompilas, ĉion notas kaj komence de la sesio,laŭtlegas por respektiva aprobo kaj akurate sendas al la Ĉefdelegito, komplezo vere admirinda. Kroma detalo: ĉiuj partoprenantoj, cititaj programere, estas indikitaj laŭ DR-posteno!

*"La 38-a Esperanto-Renkontiĝo de Sudparaiba Valo okazis en la urbo Volta Redonda-RJ, en la Metalurgia Inĝeniera Altlernejo, ĉe Placo Brazilo, dimanĉe, je la 5-a de Decembro; 1999. Ĉeestantoj: 6 el Rio de Janeiro, unu el Cabo Frio, du el Nova Iguaçu, unu el Duque de Caxias, unu el Pinheiral, dek du el Volta Redonda, dek sep el Barra Mansa, tri el Resende, tri el Lorena, unu el Pindamonhangaba, tri el Taubaté, unu el Caçapava, du el Campos do Jordão, du el Caraguatatuba kaj du el São Paulo. Sumo: kvindek sep personoj el dek kvin urboj. Ne ĉeestis la samideanoj el jenaj urboj:Piraí,Barra do Piraí, Paraíba do Sul, Guaratinguetá kaj São José dos Campos.La akcepto okazis je la 8-a horo kaj duonoJe la 9-a kaj duono komenciĝis la kunsido. Inĝ. Alberto Flores(D/FD/UEA/Volta Redonda),nia gastiganto, prezidis la kunsidon F-inon Jimes Vasques Milanez,dekokjaraĝa,la plej juna Esperanto-instruisto en Volta Redonda, kaj invitis ĉiujn reprezentantojn de urboj raporti pri la E-Movado en la regiono. S-ro Milton Serra (D/UEA/Lorena) legis la protokolon de*

*la lasta kunsido,kiu okazis en la urbo Caçapava. Ĉiuj aprobis la protokolon. Inĝ. Vicente Paulo Werneck (VD/D/ UEA/Volta Redonda)parolis pri"Propo no de Fonetika ortografio por po rtuga la-brazila lingvo". D-ro Aloísio Sarto rato (D/FD/UEA/Rio de Janeiro) , pre zidanto de Asocio Esperantista de Rio de Ĵanejro raportis pri "AERĴ, hieraŭ, hodiaŭ kaj morgaŭ". Inĝ. Gilbert René Ledon (VD/FD/UEA/ Campos do Jor dão) prelegis pri "Kial la aviadiloj flu gas?" kaj disdonis libretojn al la ĉees tantoj. nome,Teknikaj Kajeroj n-ro 5:* "Ikaro nc sonĝis".*S-ino Symilde Schenk Ledon(/D/FD/UEA Campos do Jordão) Ĉefdelegito/ UEA en Brazilo komentis pri E-o- Renkontiĝo de Orienta Re giono pri Esperanto-Renkontiĝo de Sud paraibaValo pri la UniversalaKongreso en Berlino k laŭdis la raporton de D-ro Aloísio Sartorato,kiu prelegis pri la tu ta historio de Esperanto enBrazilo.Dro AlcyrGuedes de Almeida(VD/FD/UEA Taubaté)parolis pri"Kampanjo deDiske doj de Esperanto-Kurso de Inĝ. Adonis Saliba Silva(FD/UEA/São Paulo).Prof-ro SyllaChaves kunlaboranto de laAka demio Esperanto,parolis pri la kreska do de E-o en la komenco de la no va jarcento k prezentis libretojn: vorta rojn,gramatikojn kaj legaĵojn, gravajn verkojn por komencantoj.Post tagman ĝo,en memserva restoracio de la urbo, D-ro Paulo Sérgio Viana(VD/FD/UEA/ Lorena)prelegis pri la temo:Pri la fabe loj de Andersen kaj ĉiuj komprenis la diferencon inter rakonto, fablo,legendo kaj fabelo.D-ro Osvaldo P. de Holanda (FD/UEA/São Paulo)prezidanto de Bra zila Esperanto-Ligo anoncism ke dank' al S-ino Symilde Schenk Ledon, Komi tatano "A", la venonta Universala Kon greso de la jaro 2002 okazos en Forta leza, Brazilo. Inĝ. Alberto Flores alu dis pri la "Projekto Espero" de la Soci eto Lorenz. Ĉiuj aprobis, kiam D-ro Paulo Sérgio Viana, laŭ la konsento de*

*D-ro Maurício Monken Gomes(D/FD/ UEA/Caraguatatuba),anoncis,ke la proksima renkontiĝo okazos en la urbo Caraguatatuba, je la 12-a de Marto de la jaro 2000. Gvidis la artan parton S-ino Sílvia Bühler (FD/UEA/Resende) kiu prezentis la Grupon DIESO, el Barra Mansa, konsistanta el 6 knaboj. Inĝ. Alberto Flores legis la biografion de Alfredo da Rocha Viana Filho, kies kromnomo estis "Pixinguinha", kaj dum la legaĵo, S-ro Wilson Pereira Deslandes (FD/UEA/ Barra Mansa) ludante mandolinon, S-roj Devani Alves Viana kaj Benedito Alexandre Tavares Filho, ambaŭ el Barra Mansa, ludante gitaron kaj S-ro Luiz de Miranda, el Volta Redonda, ludante kvarkordan gitareton ludis pluraj kanzonojn.S-ro Daniel Peliz, el Duque de Caxias, deklamis poemon nome: "Kiam floras la koro".Fine S-ino Sílvia Bühler kaj Inĝ. Vicente Paulo kantis brazilajn kanzonojn.La kunsido finiĝis kun bongusta lunĉo. Por ĉion registri, mi Milton Serra, verkis ĉi tiun protokolon, kiu devos esti legita kaj aprobita en la proksima renkontiĝo. Volta Redonda, la 5-an de Decembro, 1999."*

## *EDZIĜO-FESTO*

50 jarojn de geedziĝo festis la Regiona Delegito PAULO AMORIM CARDOSO kaj edzino MIRES BRAGA MEIRELES CARDOSO, la 19-an de Decembro, 1999. Sur la invito-karto, kiun ni dankas, estis deklarita, ke "Kompreniĝo - Amo - kaj Dediĉo" estas esencaj elementoj por longdaŭra unuiĝo.GRATULON AL LA PARO!

## *MILDE*

Redaktas la sukcesan publikigaĵon, FD kaj Sekciestro de ILEI, Elvira Fontes, Direktorino pri Instruado,ĉe Esperanto-Asocio de San-Paŭlo.

*DELEGITOJ*
*KAJ*
*REALIGOJ*

Tiu ĉi rubriko esta unu el la plej amplek saj temoj por prezentado repektiva. Krom la vasta kampo de dediĉo movada, ankoraŭ multaj Delegitoj verkas siajn proprajn eldonaĵojn, ofte nome de la gru poj al kiuj ili apartenas. Eblas komprene ble citi nur kelkajn , ĉar la spaco ne sufi ĉus en nia *Regione*.

**L I N G V A F O L I O**
de Esperanto-Klubo de Campinas
Klubo@esperanto.zzn.com
Redaktas João Manoel Aguilera Jr.
FD (geografio; gastigado).

**F O N T O**
Jaro 19. Teknika Redaktoro/Eldonanto kaj Administranto:
Gersi Alfredo Bays
Chapecó,SC
D kaj FD (eldonado).

**P E A - I N F O R M I L O**
Paranaa-Esperanto-Asocio
Redaktas. Gloria Lucia Perine
D kaj FD (fiziko).
Pliaj postenoj:
Prezidantino de PEA
Prezidantino de BEL-FEDERACIA KONSILANTARO
REGIONA DELEGITO (Sudo).

**S I M P O Z I O**
Filozofia Revuo
Ĉefredaktoro:Evaldo Pauli
D kaj FD (filozofio).
Prezidanto de
Filozofia Asocio Tutmonda
Estro de Kultura Fondaĵo SIMPOZIO
Kunordiganto de
Enciklopedio SIMPOZIO.

*"POR KOMENCANTOJ"*

RAKONTOJ. Kajero 1 - junio 1995

(Nun temas pri eksterordinara laboro de Delegitoj):
En tiu kajero, sur paĝo 1 oni legas: "KLARIGOJ. Iam, dum Renkontiĝo de Pa raiba Valo mi plendis ĉe D-ro Paulo Sérgio Viana pri la manko de lagaĵoj por ĵus finin taj kursanoj de Esperanto. Li do sugestis,ke oni povus elekti kelkajn si,plajn rakontojn, historietojn, ktp. el la ekzistantaj libroj aŭ revuoj, eldoni ilin en formo de kajero aŭ a postilo; poste oni uzus tiujn en la E-kursoj. Kaj li instigis min pripensi la aferon. Dum kelke da tempo tiu ideo akompanis min sed nur nun mi ekagas kaj jen, ni prezentas la u nuajn historietojn kiuj, laŭ ambicia revo de D-ro Paulo Sérgio, "povus fariĝi - serio..." Mi diras ni,ĉar skipo kunlaboris al tiu celo: unue,mi serĉis,elektis kaj tajpis kelkajn ra kontetojn de la rubriko "Por komencantoj" de "El Popola Ĉinio"; due, tiuj estis aprobi taj de D-ro Paulo Sérgio kiu ankaŭ sugestis aldonon de didaktikaj demandoj ĉe la fino de la historietoj;inĝ-ro Alberto Flores preparis la demandojn kaj fine Carlos Alberto Andra de kompostis la tutaĵon.
Ni esperas ke tiu kontribuo al la esperantis toj atingu la celon: iom post iom havigi al la komencantoj interesajn kaj facilajn lega ĵojn. Dankon. *Denise Deslandes.*

(NOTO: Denise Deslandes estas VD de Bar ra Mansa,RJ kaj eksa REGIONA DELEGI TO por Oriento.Alberto Flores estas D kaj FD(lingvoj;paleontolio)en urbo Volta Re donda,RJ. Carlos Alberto Andrade estas D en Barra Mansa,RJ.)

**POR KOMENCANTOJ - KAJERO 2**
Novembro 1995, esperantigita de Paulo Sérgio Viana: *ELEKTITAJ FABLOJ* de Monteiro Lobato kun Biografia prezento kaj Demandaro.
Ekde tiam aperadis ĝis nune, dum ĉiuj Sudparaibvalaj Renkontiĝoj, pliaj Kajeroj de li verkitaj:

KAJERO 3 - Marto 1996
*BRAZILAJ SCENOJ* de Rachel de Quei roz.
KAJERO 4 - Aprilo 1996
*HISTORIOJ TRA HISTORIO* de Maria An tonieta Arantes Ferreira

**KAJERO 5 - Aprilo 1996**
**Esperantigita de Milton Serra**
*JOĈJO DAZIPO*
de Monteiro Lobato

EKDE TIAM SEN NUMERO:
*BRAZILAJ INDIANAJ LEGENDOJ*
de Clemente Brandenburger
Aŭgusto 1996
*ANEKDOTOJ*
de Ziraldo
Novembro 1996
*LA SUNSISTEMO*
de Marcelo Duarte
Junio 1997
*GEEDZA KANZONO*
de Machado de Assis
Februaro 1997
*LA DIVENISTINO * KOKOMESO*
de Machado de Assis
Oktobro 1997
*RAKONTO PRI VERGO **
*RAKONTO PRI LERNEJO*
Machado de Assis
Februaro 1998
*LA FLEGISTO*
Machado de Assis
Aprilo 1998
*TRADICIAJ MANIFESTIĜOJ EN PARAIBA VALO:"CONGADA" KAJ "MOÇAMBIQUE"*
Kompilita - Septembro 1998
*BRAKOJ*
Machado de Assis
Novembro 1998
*MARŜADO-IDEALA KORPEKZERCO*
Paulo Fernando Leite*Junio 1999
*EL LA ĴURNALOJ* - Marto 1999
*DANKEMAJ ANIMOJ*
Machado de Assis - Aŭgusto 1999
*RABISTO-Viriato Correia-Decembro 99*

*NEŬROLINGVISTIKO PROGRAMADO POR EFIKA KOMUNIKADO*

David Bianchini (D en Campinas,SP
Inĝeniero, FD: edukado, teleinformadiko).

ANTAŬPAROLO:Neŭrolingvistika Progra
gramado (NLP) venas por doni al ni novajn
rimedojn por solvi niajn problemojn, plibo
nigante nian vivon. Per ĉi tiu eta verko ni
celas pligrandigi la scion pri komunikado,
donante al niaj gesamideanoj iom da kono
pri NLP por ke ili pli facile atingu la dezi
rotajn reagojn dum siaj homrilatoj. Estas
grave scii ke dum sia interhoma komunika
do ĉiam oni disdividas ion, kio poste estos
komuna posedaĵo. Respektoplene realigata
interrilato permesas grade disvolvigi onian
konon pri la homo kaj pri oni mem, igante
nian vivon pli bela, agrabla kaj feliĉa. Ni
maturiĝas kiel homo.Ni estas proksimume
tiom feliĉaj, kiom bonkvalitaj kaj feliĉaj es
tas niaj interrilatoj. Manko de vera komuni
kado alportas suferon,veran kaj dolorigan su
feron al nia koro. Pro tio, ni devas strebadi
por sukcesigi bonan interkomunikadon, kaj
la unua paŝo estas vere deziri tiun celon. So
leco estas la malliberejo de la homa spirito
kaj ni liberiĝas pere de sukcesa interkomuni
kado. Esperanto estas lingvo kies celo estas
helpi la komunikadon interhoman, kaj la es
perantistaro profitos multege el malkovroj
de NLP dum siaj kunvenoj, kunvivadoj ktp.
Miaopinie ĝi donas metodon por agi konkre
te por tiaj komprenoj de longe prezentitaj de
Zamenhof, tia laboro paca por kiu ni ne laci
ĝas. Pro tio oni devas iri trans la vortoj,kaj
kiel iam diris Lapenna"...La lingvo ne estas
nur la ĉefa rimedo de komunikado. Ĝi estas
ankaŭ instrumento de pensado (...) La penso
kaj la lingvo influas sin reciproke. La riĉeco
de nia penso riĉigas nian lingvon, sed ankaŭ
la riĉeco de nia lingvo grave kontribuas al ri
ĉigo de la penso." Tiamaniere mi venas al
karak samideanoj celante kontribui por la ri
ĉeco de nia penso, instigante nin ĉiujn esplo
ri pli kaj pli la homan interkomunikadon ce
lante liberigon de la pensado, forigante dog-
mojn kaj ideologiojn,kiuj starigas barojn in
ter viroj kaj virinoj,netoleremon inter najba
roj kaj konstruas malamon inter la popoloj
kaj gentoj.

**DR-REGIONOJ/URBOJ/ŜTATOJ**
AMAZONIO:Belém,PA.Rio Branco.AC
NORDORIENTO:Campina Grande,PB.
Candeias,BA.Caruaru,PE.Fortaleza,CE.
Ilheus,BA.Itabuna,BA.João Pessoa,PB.
Juazeiro do Norte,CE.Lauro de Freitas,
BA.Macció,AL.Muritiba,BA.
Natal,RN.Olinda,PE.Pocinhos,PB.
Recife,PE.Salvador,BA.Teresina,PI.
Viçosa do Ceará,CE.
CENTROKCIDENTO:Alto Paraíso de
Goiás,GO.Anápolis,GO.Aquidauana,MT
Brasília,DF.Campo Grande,MS.Catalão,
GO. Gama,DF.Goiânia,GO.
ORIENTO;Além Paraíba,MG.Aracruz,
ES.Araxá,MG.Barra Mansa,RJ.
Belo Horizonte,MG.Campos dos
Goitacazes,RJ.Divinópolis,MG.Duque
de Caxias,RJ.Formiga,MG.Governador
Valadares,MG.Ipatinga,MG.Juiz de
Fora,MG.Montes Claros,MG.Niterói,
RJ.Nova Iguaçu,RJ.
Paraíba do Sul,RJ.Petrópolis,RJ.
Resende,RJ.São Gonçalo,RJ.Ubá,MG.
Uberlândia,MG.Varginha.MG.
Vitória,ES.
SUDO:Atibaia,SP.Araraquara,SP.
Balneário Camboriu,SC.Bauru,SP.
Bebedouro,SP.Caçapava,SP.Campinas,
SP.Campos do Jordão,SP.Cascavel,PR.
Castro,PR.Chapecó,SC.Curitiba,PR.
Florianópolis,SC.Guaratinguetá,SP.
Guarulhos,SP.Joinville,SC.Jundiaí,SP.
Londrina,PR.Lorena,SP.Mauá,SP.
Mogi das Cruzes,SP.Paulínia,SP.
Pelotas,RS.Pindamonhangaba,SP.
Porto Alegre,RS.Presidente Prudente,SP.
Promissão,SP.Ribeirão Preto,SP.
Rio Grande,RS.Santa Albertina,SP.
Santo André,SP.
Santos,SP.São Bernardo do Campo,SP.
São José do Rio Preto,SP.
São Paulo,SP.São Sebastião do Caí,SP.
Sorocaba,SP.Taubaté,SP.